# Esperanto en Azio

n-ro 27
1997-1
junio 1997



Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*enhavo*


- • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D <koncize>* ....... 2
- • *komisionanoj de KAEM* ....... 2
- 1 *Raporto pri Projekto C* ....... 3
- 2. *Raporto pri Projekto Ĉ ; Raporto pri la vojaĝo al Ĉinio, Koreio kaj Japanio* ....... 3
- 3. *Leteroj de legantoj* ....... 6
- 4. *Reago de Vuhana Esperanto-Ligo* ....... 11
- 5 *Kontribuaĵo* ....... 13
- 6 *Informo* ....... 18
- 7 *Okazos* ....... 18
- 8 *aldona raporto pri la Azia Kongreso* ....... 19
- 9 *Kontribuoj* ....... 20
- • *Parolas la redaktantoj:* ....... 20

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

rimarko: En la Unua Azia Kongreso oni decidis forstreki la projekton Ĉ-2.

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 1998. Ĉi-jare LEE Jung-kee prenis la taskon anstataŭ CHOI Yun-huy laŭ decido de Korea Esperanto-Asocio.*

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

LEE Jung-kee/ Seula Esperanto-Kulturcentro, CPO Kesto 3047 SEOUL 100-630, Koreio. tel.: +82-2-779-5936, aŭ 779-7216. fakso: +82-2-756-4859

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

# 1. Raporto pri Projekto C

Jenaj 41 aziaj esperantistoj aliĝis al UEA en 1997 laŭ la projekto C:

***el Ĉinio***

Bao Shu-jun, Cao Xionglin, Dai Zhongli, Dong Shulin, Fu Sabeo, Gao Chengyuan, Ĝjen Ŭejĝjen, Han Zuwu, Huang Yinbao, Ji Yingeng, Jiang Xiaofeng, Jiang Yunlin, Jiang Zuyue, Li Liang, Li Yudong, Li Yusheng, Liang Naikeng, Lin Leming, Liu Haitao, Lu Wengfang, Ma Fengchen, Mu Binghua, Shen Chengru, Song Jingquan, Su Jinzhe, Sung Rong Yao, Tang Yong, Vang Bing, Wang Peiyan, Xu Chengzhi, Yu Dequan, Zhang Ai-yu, Zhang Fude, Zhang Jiping, Zhang Mintai, Zhang Xuesong, Zhang Yuewu, Zhu En

***el Vjetnamio***

Dang Dinh Dam, Nguyêñ Trâñ An, Trâñ Quang Dám

# 2. Raporto pri Projekto Ĉ

## La vojaĝo al Ĉinio, Koreio kaj Japanio

***Anatoli IONESOV, Direktoro de la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro***

Mi tuj diru, ke temas pri la unua en mia vivo ĉi-speca peresperanta vojaĝo. Kvankam, kiel direktoro de la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro, sufiĉe ofte mi estas invitata partopreni diversajn internaciajn (ekstermovadajn!) forumojn, kie kompreneble mi ĉiam klopodas popularigi ankaŭ Esperanton - ja plejofte mi tie estas sola esperantisto.

Dum la porvojaĝa preparado okazis la bedaŭrinda koincido - grava internacia pacaranĝo aŭspiciata de UNESKO en Italio kaj same grava por mi la Unua Azia Kongreso kaj la studvojaĝo. Do, finfine mi devis elekti kien veturi. Eble kiel denaske aziano mi preferis Orienton kaj certe poste ne bedaŭris pri tio.

Nun mi ne povas ne diri multajn dankvortojn al la ĉefa iniciatinto de mia vojaĝo al Oriento Prezidanto de KAEM s-ro TAKEUTI Yosikazu, sen kies penaj klopodoj, zorgoj, pacienco kaj komprenemo mia vojaĝo certe ne realiĝus.

### *2.1 En la Azia Kongreso*

Pro la bedaŭrindaj flugbiletaj problemoj mi maltrafis la kongresan inaŭguron kaj alvenis Ŝanhajon posttagmeze la 22an de aŭgusto. Ĉar mi neniam partoprenis UKojn, en la hotelo "Silka Vojo" mi renkontis nur tre malmultajn homojn konintajn min persone - ĉefe tiujn, kiuj iam vizitis min en Samarkando. Sed sufiĉe rapide la rondo de miaj amikoj ekis pligrandiĝi...Mi kurte rakontis pri Esperanto-movado en nia regiono dum la kunsidoj "Azia Movado" kaj "Librokulturo", sed aparte gravas por mi multaj neformalaj interparoloj kun kongresanoj - spertuloj kaj komencantoj. Ja ege bremsas la evoluon de Esperanto-movado

en Azio la fakto, ke ĉi-tieaj Esperanto-lernantoj tre malofte havas ŝancon uzi la Lingvon Internacian parole, ili preskaŭ ne vidas Esperanto-eksterlandanojn. Por kongresi en Ŝanhajo venis ege multaj komencantoj el aziaj landoj ĉefe el Ĉinio. Ilia entuziasmo, vervo kaj fervoro estis vere kortuŝaj. Multaj kongresanoj unuafoje en sia vivo ekhavis la eblon partopreni tiom imponan movadan forumon, unuafoje alparolis eksterlandajn samideanojn. Mi pensas, ke la kongreso "ŝanĝis" ties partoprenintojn je nemalhavebla sperto, nova energio, inspiro kaj optimismo pri la futuro de nia afero, ĝi donis novajn sciojn pri la lingvo kaj movado kaj laste - sed grave! - novajn amikojn kaj eventualajn partnerojn.

Post la kongreso (atendante mian flugon al Seulo) mi pasigis kelkajn kromajn tagojn en Ŝanhajo kune kun grupeto de japanaj kaj ĉinaj esperantistoj, kiuj afable konatigis min kun lokaj vidindejoj. Oni invitis min partopreni la kunvenon de loka Esperanto-grupo, kie mi prelegetis kaj aranĝis paroligan Esperanto-kurson por komencantoj. Menciindas, ke similajn improvizitajn (ĉar antaŭe mi tute ne planis dumvoje instrui la lingvon!) kursojn mi poste organizis diversloke dum mia prelegvojaĝo en Koreio kaj Japanio.

### 2.2 *En Koreio*

En Seula Flughaveno min atendis la internacia korea-pakistana-vjetnama Esperanto-triopo (sub la gvido de energi-kaj humur-plena KIKI aŭ alinome s-ro KIM Kiwon!), kiu tuj aŭtigis min al la prezidanto de KEA (kaj sekretario de KAEM!) d-ro Puramo CHONG, kun kiu ni pridiskutis la programon de mia restado en la lando de matena freŝo kaj kiu fariĝis mia unua gastiganto. Samtage KIKI montris al mi la movadan stabon KEA-sidejon kaj poste gvidis min al la Seula Esperanto-Kulturcentro. Ties animanto kaj direktoro s-ro LEE Jung-kee kunvenigis tiuvespere siajn kursanojn. Sekvis paroliga ekzercado kaj neformalaj interparoloj ĝis la malfrua vespero. La kleriga agado de s-ro Lee, inkluzivantas diversnivelajn Esperanto-kursojn ankaŭ en etero, librodistribuadon ktp, ŝajnas al mi tre grava por la movado. Sekvan tagon okazis mia renkontiĝo kun la prezidanto de Korea Internacia Amika Asocio s-ro SUH Chung-joo - multjara partnero kaj amiko de nia muzeo, kiu i.a. foje tre helpis al ni organizi la grandan artekspozicion "La Mondo Tra la Okuloj de Infanoj de Suda Koreio" en Samarkando. Memorindas ankaŭ longaj ĝisnoktaj pridiskutoj de la movadaj problemoj en la domo de d-ro Chong, kiu kiel mi sciiĝis, gastigis multajn diverslandajn aktivulojn.

La 31an de aŭgusto mi faris laŭlitere kelkminutan viziton al la naturkuracista kliniko de d-ro YU Han-chol en la urbo Inchon, kie mi refoje konvinkiĝis, ke kuracistoj ludas tre gravan rolon en la koreia Esperanto-movado. El Inchon mi veturis rekte al Suwon. En la hejmo de miaj tieaj gastigantoj geedzoj d-ro KIM Chol kaj AN Jeonghi jam kolektiĝis lokaj esperantistoj, kun kiuj mi rapide interkonatiĝis kaj interese konversaciis. Oni montris al mi la interesegan folkloran vilaĝon, universitatan hospitalon kaj apudajn vidindaĵojn. En Taejon, kie esperantistoj posedas propran Esperanto-oficejon, min akceptis la

prezidanto de KEA-filio s-ro YUN Byoung-ha, kiu helpate de s-ino KIM Ju kaj aliaj aktivuloj preparis por mi interesan programon. Mi renkontiĝis kun lokaj KEA-anoj en Esperanto-oficejo, kun membroj de Esperanto-klubo de Han Nam Universitato, kun grupo de komencantoj en apuda urbo Chong-juka. En Kwangju mia unua gastiganto estis pastro KIM Kwang-che, kiu afable veturigis min al la urba memor-tombejo kaj diversaj naturbelaĵoj de la regiono. Sekvan tagon por tranokti mi translokiĝis al la hejmo de studento s-ro SON Kiyong. La renkontiĝo kun lokaj esperantistoj okazis en la urbocentra kafejo. La lingvonivelo de preskaŭ ĉiuj kolektiĝintoj estis mirinde bona kaj foje eĉ bonega kiel ekzemple tiu de universitata profesoro d-ro GIM In-hong kaj lia ĉarma filino denaske parolanta Esperanton. Prof. Gim kompleze konsentis akompani min dum kelkhora promenado tra la urbo kaj poste ĝis la busstacio. Mi ne forgesas mencii ankaŭ la surprize interesan memoraĵon - belege broditan korean tradician kuseton - donacitan al mi de s-ino LEE Sun I, kiu estas ege lerta brodistino.

Sekva punkto sur mia itinero iĝis Taegu, en kies centra busstacio min renkotis s-ro NAH - mia posta gastiganto. Survoje al la KEA-filio ni vizitis d-ron KIM Yung-myung, kiu konatigis min kun sia pediatria kliniko kaj afable ebligis al sia kunlaboranto s-ro Nah plentempe akompani min en Taegu kaj ties ĉirkaŭaĵoj. Al la loka KEA-sidejo venis kelkaj spertuloj kaj pluraj komencantoj. Ĉi tie mi havis okazon sufiĉe longe pridiskuti la movadajn problemojn kun la prezidanto de UEA prof. d-ro LEE Chong-yeong, kiu, laŭ mia opinio, havas tre klaran, seriozan kaj subtenindan vizion pri antaŭenigo de Esperanto en la mondo. Sekvis neformala paroliga leciono por komencantoj kaj demandoj / respondoj. Kune kun miaj afablaj gastigantoj ges-roj Nah mi aŭtis al la urbo Pohang por renkontiĝi kun la prezidanto de Taegu-filio de KEA d-ro BAK Hŭa-ĝong. Ni trovis lin kaj aliajn lokajn esperantistojn en lia privata kliniko "La Espero", kiu rolas enkaŭ kiel Esperanto-kunvenejo kaj kursejo. Post nelonga interkonatiĝo la mastro invitis min kune pasigi la vesperon en la marborda restoracio. Amika rondo brile "funkciis" ĝis la malfrua nokto. Sekvan matenon la vicprezidanto de KEA-filio s-ro KIM Won-sik stafete transprenis la taskon por akompani min en Taegu kaj ni kune pasigis kelkajn interesajn horojn.

Posttagmeze pertrajne mi atingis grandan havenurbon Pusan kaj tuj trafis je la manoj de tre bona esperantisto s-ro KON Gil-jun. Kunpreninte lian familion ni senprokraste veturis eksterurben por partopreni Esperanto-renkontiĝon dediĉitan al la 16-jariĝo de Esperanto-klubo de Donga Universitato. Komence la evento iom mirigis min, ĉar eble 99-procente tie estis aŭdebla nur la korea lingvo, kiun mi bedaŭrinde ne scipovas. Eĉ mian elpaŝon oni anoncis nur koree kaj sekve el la tuta frazo mi komprenis nur mian nomon. De sur la podio mi varme gratulis la partoprenintojn okaze de la kluba jubileo, sed samtempe atentigis ilin pri la neceso uzi la esperantistan renkontiĝon ankaŭ por parolforma lingva praktikado kaj alvokis ĉiujn kuraĝe ekparoli en Esperanto ne timante fari eventualajn erarojn kaj superante psikologiajn barojn. Tiucele mi organizis rapidan paroligan ekzercadon, kiu finiĝis per la

prezento de "Kanto de Esperantistaj-Novicoj". Jam poste primeditante la eventon mi pensis, ke verŝajne ni bezonas ankaŭ ĉi-specajn renkontiĝojn de amikoj de Esperanto, iamaj kursanoj, eternaj komencantoj kaj similaj, kiuj kvankam preskaŭ ne parolas la lingvon, tamen dum multaj jaroj flegas amon al Esperanto. Ni neniel devas forpuŝi ilin for de la movado. Ankaŭ ili havu ĝuindajn Esperanto-festojn kaj laŭbezone helpu vastigi niajn vicojn kaj favoran bildon pri Esperanto en la socio. Ekzemple, en Pusan ĉiujare kolektiĝas Esperanto-amantoj el multaj urboj de la lando. Tio estas miaopinie granda rezervo de amikoj de Esperanto kaj potencialaj subtenantoj de la movado. Necesas nur pli bone prizorgi tiun ĉi potencialon. Krom la jam menciita s-ro KON Gil-jun, en Pusan mi renkontis ankaŭ aliajn tre kompetentajn kaj helpemajn aktivulojn, la prezidanto de KEA-filio, s-ron Ĉaro (kies veran nomon mi ĝis nun ne scias)*, instruiston s-ron PARK Sun-ho, komerciston s-ron BAE Sam-jong. Mi vizitis ankaŭ Esperanto-klubon de Donga Universitato kaj konversaciis kun ties membroj. (*red. Ĉaro estas KANG Sang-bo)

## 2.3 *En Japanio*

El Pusan mi pramveturis al Shimonoseki. Ĉe tiea havena landlimo oni tre (al mi ŝajnis eĉ tro!) atente ekzamenis mian pasporton kaj japanan vizon. Kolektiĝis ĉiuj tieaj funkciuloj, oni vigle interparolis, multfoje ien telefonis, poste denove mancirkuligis mian pasporton... Mi eĉ ekpensis, ke oni decidis organizi iuspecan seminarion pri la novaj pasportoj de landoj de Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj. Post kelkdekminuta atendado (intertempe min tre pacience atendis ĉe la alia flanko de la limo s-ro TAKAYAMA Hideki) finfine mi sukcese trapasis la limon kaj kune kun s-ro Takayama ni tuj veturis al la urbo Kita-kyushu, kie nin jam atendis tri esperantistoj, interalie, ankaŭ mia amika "Silkvoja" samĉambrano s-ro HASHIGUCHI Shigeyuki. Post komuna tagmanĝo ili akompanis min al la stacidomo kaj post du horoj mi ja estis en Hiroshima, la urbo havanta specialan lokon en la koroj de ĉiuj pacamantoj. Ĉi tie min tre kore gastigis ges-roj Osioka en sia Esperanto-Domo. S-ro OSIOKA Moritaka evidentiĝis esti ankaŭ bonega ekskursgvidanto sukcesinta dum tre mallonga tempo montri al mi multajn lokajn interesaĵojn, inkluzive Pacmuzeon kaj Pacparkon fame belegan insulon Miyajima, subĉielan naturbanejon en la montaro ktp. Vespere en lia hejmo okazis kunveno de esperantistoj - komencantoj. Post interesa kelkminuta paroliga Esperanto-kurso komenciĝis vigla interbabilado, kantado, ripozado en amika rondo. Mi aranĝis lumbild-rakonton pri famaj antikvaĵoj de Samarkando kaj prezentis kelkajn kantojn en Esperanto i.a. la kanton "Japana Grueto" (Memore al SASAKI Sadako).

En belega Kyoto mi gastis en la hejmo de admirinda esperantistino s-ino TAHIRA Masako, kiu vere patrinece/ fratinece akceptis min. Ŝia eksterordinara helpemo kaj zorgemo ege kortuŝis min. Antaŭ enlitiĝo mi ricevis eĉ kontraŭtertreman kaskon. Saman vesperon mi prelegis en la loka Esperanto-kursejo, kiun gvidas s-ro TAKEUTI Yosikazu kaj la sekvan matenon mi jam estis en la Pacmuzeo de Ritsumeikan Universitato

renkontiĝante kun ties gvidantoj. S-ino Tahira bonege interpretis. Ĉi tie substrekindas, ke miaj pluraj vizitoj al ekstermovadaj institucioj en Japanio kaj Koreio estis tre gravaj, ĉar tieaj funkciuloj unuafoje proprasperte konvinkiĝis, kiel bele Esperanto funkcias en praktiko. Samtempe estas kompreneble, ke pro manko de tempo mi ne povis viziti ĉiujn niajn partnerojn kaj kolegojn. En Kyoto mi pasigis ĉ. unu tagnokton kaj sufiĉe baldaŭ trajno alportis min al la stacio Kobuchizawa. Ĉi tie min renkontis kvar esperantistoj. S-ro KUMAKI Hideo, s-ro KURITA Kimiaki, s-ino MORITA Yoko kaj s-ro AOKI Makoto. Mi enloĝiĝis en la bela Esperanto-Domo en pritoreska Yatugatake. Pri simile movada institucio vere povus fieri ne nur japania, sed ankaŭ monda esperantistaro. Oni devas nur bone pripensi kiamaniere plej efike utiligi tiun ĉi valoregan donacon de s-ino MORITA Yoko. En Esperanto-Domo mi prelegis antaŭ ĉ. 25-persona publiko kaj aranĝis japanlingvan fotoekspozicion pri la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro en Samarkando (afable farita de s-ro NISIO Tutomu). Dank' al helpemo de s-ino Morita, s-ro Kurita kaj s-ro Kumaki mi sukcesis konatiĝi ankaŭ kun lokaj vidindejoj: muzeoj, naturbelejoj ks.

En Tokio miaj gastigantoj estis ges-roj Isino, kiuj afable helpis al mi iom malkovri la japanian metropolon. Sekvan tagon mi organizis paroligajn ekzercadojn por diversaj grupoj de komencantoj en Esperanto-klubo gvidata de s-ino SYÔZI Keiko kaj la saman vesperon mi prelegis (kun lumbildoj kaj posta gustumado da famaj samarkandaj vinoj) en la oficejo de JEI. Brile interpretis s-ro USUI Hiroyuki. Mi tranoktis en la kliniko de d-ro SAIONJI Masayuki, kie min bone prizorgis s-ro Reza Kheir-kha, eminenta esperantisto multon faranta por la movado. En Tokio min sukcesis trovi ankaŭ kelkaj miaj neesperantistaj amikoj. Akompanate de tre estiminda kaj ege helpema s-ino DOI Ĉieko mi vizitis la eldonejon Kusanone Publishing Co. Dum interparolo kun ties ĉefredaktoro s-ro SAHARA Shigeru evidentiĝis, ke la eldonejo planas aperigi dum proksimaj monatoj la ilustritan libron pri pacmuzeoj de la mondo kaj dediĉi unu ĉapitron al nia muzeo. Samtage min kaj s-inon Doi varme akceptis eminenta scienculo profesoro d-ro NISHIDA Masaru - aŭtoro de la konata japanlingva gvidlibro pri pacmuzeoj. La renkontiĝon partoprenis ankaŭ la eksurbestro de Namioka s-ro HIRANO Ryooichi.

En Kanazawa mi pasigis tre interesan vesperon inter lokaj esperantistoj kaj estis gasto de vere respektinda s-ino MATUDA Hisako kaj s-ro KAWANISI Teturo, kiu estas ne nur lingva kaj movada eminentulo, sed ankaŭ bonega preleganto, deklamanto kaj KARAOKE-anto. Mi faris du prelegojn (kun lumbildoj) en loka altlernejo, kie interpretis s-ro KATOO Ivao kaj f-ino OHDACHI Kaoruko helpis en multaj organizaj aferoj.

Survoje al Nagahama mi vizitis por kelkaj horoj urbon Nagoya kaj tiean Esperanto-Centron, lerte prizorgatan de s-ro NAGASE Yoshikatsu. NEC speciale eminentas eldonkampe.

Forlasinte Nagoya-n post nelonga tempo mi trafis la Friskan Lernejon ĉe la bela lago Biwa. Tie mi trovis ne nur agrablan tute japaneskan etoson, sed ankaŭ plurajn eminentulojn

de japania Esperanto-movado. Mi "gastis" en kelkaj Esperanto-studgrupoj, prelegis en la urbdomo (tre kompetente interpretis s-ro NISIO Tutomu), eĉ iom koncertetis.

Mia sekva celo estis antikva urbo Nara, iama fina punkto de la Granda Silka Vojo. Ĉi tie min bone prizorgis s-ro KIMOTO Yasuhiro kaj s-ino TAHIRA Masako, kiu bonege interpretis mian prelegon en la urba kultura centro, kiun sekvis komuna vespero kun lokaj esperantistoj. Mi tranoktis en urbeto Oji en la hejmo de s-ro EBATA Michichika, kiu akceptis min kiel filon.

Matene kun s-ro Kimoto mi forveturis al la fina punkto sur mia intinero - urbego Oosaka, kie mi tuj vizitis la Internacian Paccentron kaj renkontiĝis kun ties ĝenerala sekretario s-ro NOGUCHI Hideyo. Posttagmeze en la universitato de gubernio Oosaka okazis mia prelego (kun lumbildoj), zorge preparita de prof. TERAJIMA Toshio. Denove tre bone interpretis s-ro NISIO Tutomu. La lastan vesperon mi pasigis en la gastama hejmo de miaj amikoj geedzoj Tom Kaj Enjo NISIO. Por saluti min venis ankaŭ s-ro Hotta Hirohiko, kiu multe helpis pri miaj retpoŝtaj kontaktoj kun Japanio. Frumatene venis tempo por adiaŭi aŭ esperreble por ĝisrevidi... El la nova Kansaja Internacia Flughaveno mi flugis al Pekino kaj de tie al mia hejmlando Uzbekistano. Mi revenis hejmen iom laca, sed kun vere belaj kaj neforgeseblaj rememoroj kaj travivaĵoj, novaj scioj pri la vizititaj landoj, popoloj, lokaj Esperanto-movadoj kaj multaj novaj amikoj. Onidire eĉ fondiĝis la Internacia Esperanto-Klubo de Amikoj de Samarkando kaj ties Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro sub la gvido de s-ro HASHIGUCHI Shigeyuki. Tie membras ĉiuj posedantoj de samarkanda Esperanto-insigno. Ĉu do ankaŭ vi? Ĉiukaze vi ĉiam estos tre bonvenaj gastoj en antikva Samarkando. Interalie, dum mia foresto mia hejmurbo maljuniĝis almenaŭ je 225 jaroj laŭ la plej novaj arkeologiaj malkovroj de la uzbeko-franca scienca ekspedicio. De sur la paĝoj de "Esperanto en Azio" mi volus refoje plenkore dankegi ĈIUJN organizintoj de mia studvojaĝo (kiu sendube sukcesis!), ĈIUJN miajn afablajn gastigintojn kaj helpintojn en Ĉinio, Koreio kaj Japanio. Ĝis revido ie en Esperantujo, esperreble, ankaŭ en 2750-jara Samarkando!

*Anatoli IONESOV, Direktoro de la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro*

*P. O. Box 76, UZ-703000 Samarkand, Respubliko Uzbekistano*

*Tel.: +7(3662)33 1753*

# 3. *Leteroj de legantoj*

## *3.1 el Filipinoj 1996-12-27*

Mi diras multajn dankojn al vi. Mi havas problemon pri Esperanto-Centro en Filipinoj. Ĉu vi povas helpi nin? Ni esprimas, ke ni ne deziras financan helpon, ĉar tio estas materiala. La centro estas bona por ni. Ĝi estas ne nur por Filipina Esperanto-Asocio, sed por ĉiuj esperantistoj, kiuj vizitos nin.

Filipina Esperanto-Asocio kunvenos en la 22a kaj 23a de marto por diskuti pri la Esperanto-movado. Ni invitas vin en la kunsido.

*Teng S. Uban/ Filipina Esperanto-Asocio/ Shariff Kabunsuan College INC. Cotabato City, Filipinoj 9600*

* **Red. Pardonon! Ĉi tiu informo aperas tro malfrue. Bv. sendi informon pri kio vi diskutis kaj kion vi decidis. Al legantoj, bv. skribi al la asocio por kuraĝigi aŭ reale viziti la landon, ĉar ili estas tute izolitaj.**

## *3.2 el Bangladeŝo 1997-01-16*

Dankon pro "EeA". Mi povas legi ĝin kaj ankaŭ kompreni. Mi estis tre feliĉa ricevi vian libron (Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio). Baldaŭ mi finos legi ĝin. Mi povas kompreni Esperanton, se mi legas, sed estas malfacile skribi. Mi estos ĝoja, se vi skribos al mi kiel lerni Esperanton ie aŭ aliĝi al Esperanto-seminario.

*Isaac Baroi/ Media and Communication Centre Bangladesh, 88-1 Senpara Parbatta, Post Box 8027, Mirpur 10 Dhaka 1216, Bangladesh. tel. 880-2-801532 fakso: 880-2-803556*

* **Red. La letero estas skribita angle. Bv. informi lin pri "kiel lerni Esperanton" kaj inviti lin al Esperanto-seminario, se eble. Helpu lin esperantistoj en proksimaj landoj.**

## *3.3 el Koreio 1997-01-16*

Feliĉan Novjaron!

Se vi deziras korespondi kun koreaj esperantistoj, havu kontakton kun Seula Esperanto-Kulturcentro/ CPO Kesto 3047, Seoul, Koreio

Mi kore antaŭdankas pro via senlaca laboro por nia movado, precipe por nia Bulteno.

Kun koraj dankoj kaj salutoj

*LEE Jung-kee*

## *3.4 el Kamboĝo 1997-01-20*

Mi elkore deziras al vi feliĉan novan jaron kaj bonan sanon por 1997. Kiel vi fartas? Mi kaj miaj familianoj estas sanaj.

*Chhim Sokhal B 17-8, Sabakpor Rus St. P.O. Box 174, Phnom Penh, Kamboĝo*

## *3.6 Reago al MacLeod*

Dankon al John MacLeod (EeA n-ro 26/ p. 10-13, "Nova Vojo por la Movado") por levo de grava demando. Ĉu la esperantistoj devus helpi al tiuj, kiuj pledas por la angla kiel solvo de la monda lingva problemo? Ĉu ni ne demandu nin, ĉu ĉesigi unue la literaturan agadon en Esperanto kaj due la tutan movadon mem, anstataŭe akceptante pragmate ian ajn solvon, ekzemple surbaze de la angla?

Dankon ankaŭ pro lia levo de la grava temo, ĉu eble la aliroj de la nunaj esperantistoj estas nedebatemaj kaj do malmaturaj, kaj bezonas tiurilate fundamentan reformon, kiu reiras al la Fundamenta tempo de celdecidado.

Sendube gravas debati ankaŭ deire de tiaj premisoj. Ni ĉiuj devas starti de tie, kie ni nin trovas.

Laŭ mi, estas grava demando, ĉu la "lingvo-problemo" estas eble parto de pli larĝa "komuniko-problemo". Se jes, tiam povas aperi post zorga pripenso — certe ne sen konsidero de la novaj pensoj de MacLeod — la ebla konkludo ke tiu pli larĝa problemo ne estas "solvebla". Certe nenia dompuriga tasko estas definitive solvebla, sed devas esti mastrumata en novaj stiloj en ĉiu generacio. Neniam definitive solviĝos la demando, kiel la gentoj marĝenigas unu la alian kaj kiel la marĝenigatoj povas sin defendi.

El tia vidpunkto, ne eblas la scenaro, kiun MacLeod prezentas, laŭ kiu iu justa Delegacio Interregistara enmanigus kaj solvus la problemon unu fojon por ĉiam. Tiuj, kiuj pensas surbaze de tia scenaro, eble pensas iom nerealisme, eble nesufiĉe mature, kaj certe sen kono de la rezultoj de Pool kaj Selten ofte priraportitaj en la movada gazetaro. (Oni skribu al Jonathan Pool por pli da informoj.) Povas esti, ke en Esperanto la tiurilata debato progresis iom pli, ol en la angla, kaj ke la anglalingvaj pragmatistoj povas ion lerni de la verkoj, kiuj aperis kaj daŭre aperas en Esperanto malgraŭ la propono de MacLeod, ke oni ĉesu ilin aperigi.

Li kredas, ke oni verkas nur por pruvi, ke oni diversĝenre kapablas esprimiĝi en ĉi tiu lingvo. Kun alta estimo, mi devas klarigi, ke ne. Oni verkas por ion diri. Eĉ la pure beletraj verkoj en Esperanto, pro ĝia normo-rekrea kaj marĉanda karaktero, konsistas el kulturaj agoj (de vortelekto k.s.) kiuj sisteme kaj reprodukteble — do rigore — marĉandas pri la sinergioj kaj ekvilibroj de kulturaj forteroj. Ankaŭ ili rekte partoprenas la ĝeneralan debaton pri la komunikaj problemoj en nia komplekso de lingvaj ekosistemoj. Povas esti, ke necesas iom da fakuliĝo pri la komunika problemo por kompreni tion ĉi.

Certe povas esti, ke nia vidpunkto estas malprava. Mi volonte aŭskultos seriozajn kontraŭargumentojn. Sed MacLeod parolas el la vidpunkto de tiuj, kiuj nek legis la koncernan verkaron (eĉ en la angla), nek volas permesi, ke aliaj legu kaj daŭrigu la tekstojn, en kiuj la debato disvolviĝas. Tio ŝajnas al mi iom malfacile defendebla vidpunkto. Por atingi pli da klareco, necesas ke la debatantoj konatigu sin kun la ekzistantaj laboroj.

S-ro MacLeod proponas, ke ni rerigardu la demandojn levitajn kiam Zamenhof lanĉis

la movadon. Mi ŝatus proponi eĉ pli fundamentisme, ke ni reiru al la bazo, sur kiu konstruis Zamenhof mem, do al la bazbazaj demandoj levitaj kiam la okcidento lanĉis la Klerismon. Oni ankoraŭ atendas la ĝeneraliĝon de la deziro lanĉi kaj daŭrigi simetriajn, ĉiokonsiderajn diskutojn, kie oni provas nek silentigi, nek antaŭmature "konkludi" en la nomo de haste kunflikitaj prioritatoj, sed efektive vizaĝi al la demandoj, pri kiuj diskuton deziras viktimoj de la malbonaj efikoj de iu aktuala praktikaro en iu sfero. Mi ne komprenas, ĉu s-ro MacLeod sentas ian lojalon al la siatempaj sindevontigoj de tiu Klerismo. Sed mia bazbazo sub lia bazo certe donos imprenson ... bazaran, pardonu ĉi tiun schwartzismon; sed metas min en tiun humoron la informo ke s-ro MacLeod havas kiel bazon tiel industiran kaj laboregeman urbon, kiel Ŝanhajo; oni aŭdis, ke la britoj ne malŝatas humoron.

*Probal Daŝgupto/ Centre for ALTS, Univ of Hyderabad, Hyderabad 500046, Bharato/Hindio*

## 4. Reago de Vuhana Esperanto-Ligo

*** Red. En la lasta numero p.4 aperis letero de s-ro MO Zhi-xiong, ke la Esperanto-Asocio de Wuhan ĝis nun ne ekzistas. Reage al la letero venis leteroj. Ni prezentu ilin.**




*Zamenhof-Festo de la asocio en 1996*

### 4.1 Vuhana Esperanto-Ligo Ekzistas!

En aprilo de 1963 inaŭguris Vuhana (Wuhan-a) Esperanto-Grupo (VEG), supozeble siatempe ĝi estis la unika oficialigita loka Esperanto-organizo en Ĉinio. VEG ĉesigis sian aktivadon dum la periodo de la "Kultura Revolucio". En majo 1979 inaŭguris Hubei-a Esperanto-Asocio (HEA), unua loka Esperanto-Organizo post la katastrofaj jaroj de la Kultura Revolucio. Preskaŭ ĉiuj estraranoj de la malnova VEG eniris en la estraron de HEA. En 1980 inaŭguris Wuhan-a Esperanto-Asocio kiel asocia membro de HEA.

Dum 1991-93, kiam Esperanto-movado en Ĉinio ne plu havis favoran situacion pro la ekonomia reformo, evidentiĝis grandskala reduktiĝo de la membraro kaj malfacilo en financ-rimedoj. La plejparto de esperantistoj en Hubei kaj Wuhan forlasis la movadon kaj eĉ plimulto de estraranoj aŭ ne plu ĉeestis estrarajn kunsidojn, aŭ forlasis nian movadon. Tio estas komprenebla, ĉar en Ĉinio ne plu praktika estis politiko de "ĉiuj manĝas el komuna kuirpoto" — oni devis pene perlabori por sin vivteni.

Siatempe en Wuhan ekzistis tri Esperanto-organizaĵoj: Hubei Esperanto-Asocio (HEA), Hubei Esperanto-Societo de Esperantistaj Sciencistoj kaj Teknikistoj (HESEST) kaj Wuhana Esperanto-Asocio (WEA). Plejparto de aktivemaj esperantistoj samtempe ankaŭ estis membro de la du aŭ tri Esperanto-organizoj de la sama urbo.

Ekde 1987 la du organizaĵoj jam komencis kunlabori kun HEA, la plej aŭtoritata kaj plej vigla en la provinco. En 1993 HESEST kolektive aliĝis al HEA, kiel provinca nivela asocio, kiu estas la sola oficiala kaj registrita Esperanto-organizo kiel jura korpo en la provinca ĉefurbo Wuhan. Ĝia ĵus malferma sidejo Donghu Esperanto-Domo (pri tio raportis p. 4 de n-ro 22 de EeA) situas en la pitoreska Donghu-Lago.

ZHANG Danchen (delegito de UEA, vicsekreario de ILEI)

*PENG Zhengming (ĝenerala sekretario de HEA)/ 301-dpmg. 3-2, Meiyuan Xiaoqu, Fujiapo, Wuchang, Wuhan, 430070 Ĉinio. tel.: +86-27-7818012 reto: dedhea@public.wh.hb.cn*

* **(aldone oni sendis al la redaktantoj raporton pri "Seminario pri Kulturo kaj Instruado de Esperanto" okazinta en Wuhann en aŭgusto de 1996.)**

## *4.2 Wuhan Esperanto-Asocio VIVIS, VIVAS, VIVOS*

La konstanta adreso de Wuhan Esperanto-Asocio estas: CN-430031, Nr. 56, DUO FU YI XIANG, WUHAN ĈINIO.

WUHAN ESPERANTO-ASOCIO. MATRIKULO: wuhan registaro 198063.

membroj: 125

prezidanto: s-ro DAI Sheng-Qiao (profesoro honora)

tel. kaj fakso: +86-27-5415829

Wuhan Esperanto-Asocio varmege bonvenigu ĉiujn amikojn de esperantistoj el

diversaj landoj por turismo, negoco, ktp...

La gastadoj estas tute senpaga. Se vi volas vojaĝi tra la urbo Wuhan en centra Ĉinio, havu kontakton kun Wuhan Esperanto-Asocio, kiam vi bezonos helpojn!

*** Red. Ĉu la du leteroj esplimas pri la sama asocio?**

## 5. *Kontribuaĵo*

# Brito en Azio (2)

***(daŭrigo de la lasta numero)***

Dejvido KURTISO *(David Curtis)*

Sen miaj samideanoj mi estis tiom kapabla kiom nove naskita bebo, kaj baldaŭ mi falis en malfacilaĵon, ĉar oni anoncis ke mia flugo al Ŝanhajo estos sep horojn malfrua. Tamen, Ĉina Suda Aerolinio provizis al mi senpagan ĉambron en la flughavena hotelo. Pro tio mi kredis ke tiu firmao konfesis responson por ia malfacilaĵo kiun ĝi kaŭzis. Tial mi provis telefoni al Loka Kongresa Komitato en Ŝanhajo, por informi ke mi malfruiĝos, ĉar eble iu estos renkontanta min. Tio ne estis ebla per la ĉambra telefono. Ĉina helpantino, pro sia sciaĉo de la angla lingvo, misinformis min ke mi rajtas, senpage, telefoni unufoje de fora konstruaĵo sur la flughaveno.

Irinte tien, mi telefonis La Lokan Kongresan Komitaton kaj per Esperanto sciigis oficiulon; sed poste telefonistino postulis sufiĉe grandan sumon por la servo. Pro la misinformo antaŭe ricevita, mi rifuzis pagi. La helpantino estis skribinta anglalingve: "You may telephone only once "(Vi rajtas telefoni nur unu-foje: ju mej telfoun ounli uans). Tio konvinkis min ke la firmao permesis al mi nur unu senpagan telefonmesaĝon, sed ne pli ol unu. Tial mi ĝentile rifuzis pagi. Oficiulo post oficiulo venis, alvokite de la telefonistino, sed neniu povis paroli la anglan, mi ne povis paroli la ĉinan; do, neniu povis komuniki kun mi, sen per gestoj. Mi devis desegni bildetojn, kaj tial fine iu ordonis policanon ke li akompanu min al mia ĉambro. Tie mi montris al li tion kion la helpantino estis skribinta; sed li ne povis kompreni tion. Tamen, li alvokis la hotelo-direktoron. Nur li, el la centoj da oficiuloj ĉe tiu flughaveno, komprenis la situacion, kaj klarigis al mi ke la helpantino misinformis min. Mi tuj pagis por mia telefonalvoko, sed eĉ nun mi ne povas imagi tion kion tiu helpantino volis diri al mi!

Post tiu sperto de la efikeco de la tiel nomata internacia lingvo, la angla, estis granda senpeziĝo por mi, kiam fine mi forlasis Guilinon kaj ekflugis al Ŝanhajo. Estis bela sunsubiro maldekstre, kaj fulmo dekstre sed distance. Alveninte Ŝanhajon, mi denove suferis pro manko de esperantisto. Tiu estus povinta klarigi al mi ke normale taksia vojaĝeto al la kongresejo, la hotelo Silka Vojo, kostas nur 60 juanojn. Kiam taksiisto proponis veturigi min por 200, mi akceptis, kaj ne malkovris la trompon ĝis ĉinaj samideanoj informis min tagojn

poste; tamen, tiun vesperon, kia ĝojo estis paroli Esperanton denove kaj esti komprenata de ne nur ĉinoj, sed homoj de ne malpli ol 16 aliaj landoj!

Jam estis la 22a 30, kaj per 10-minuta normalpreza taksivojaĝeto, mi alvenis ĉe la universitata apartamento mendita de mi ok monatojn antaŭe. Mi dividis ĉambron kaj banejo-necesejon kun kvar aliaj viroj. Tri venis de Japanujo kaj la kvara de Bharato, la tiel nomata Hinda Unio, laŭ UEA. Konsultinte niajn kongreslibrojn, ni trovis ke ĝis la 31a de julio estis 486 kongresanoj de Ĉinio, Japanujo, Korea Respubliko, Aŭstralio, Francio, Pakistano, Uzbekio, Singapuro, Honkongo, Belgio, Hindio, Argentino, Berorusio, Germanio kaj unu de Britujo (mi).

Matene ni senpage estis transportitaj en luksa aŭtobusego al la kongresejo, kie fine pli ol 580 kongresanoj kunveniĝis en grandega halo. La roboj de multaj sinjorinoj estis belegaj. De la 10a matene ĝis tagmezo, la vicredaktorino de "El Popola Ĉinio" prezidis. Ŝi prezentis diversajn samideanojn, kiuj aŭ aranĝis aŭ honoris la kongresejon. La sekretario de UEA-komisiono pri Azia Esperanto-Movado prezentis reprezentantojn de landaj asocioj, minuton post minuto. Kiel la sola brito, mi uzis mian minuton por persvadi ĉiujn ke ili konvinku parlamentanojn kaj lingvoinstruistojn pri la propedeŭtika valoro de Esperanto. Mi deziris al ĉiuj ĉion bonan en la nomo de Esperanto-Asocio de Britio. Post la solena malfermo de la kongreso, korea profesorino pri la franca, ĉe mia flanko en reiranta aŭtobuso, longe diskutis mian proponon.

Tagmanĝinte inter pluraj interesaj konversaciantoj, mi reiris al la kongresejo por ĉeesti en prelego de prof. d-ro Liuo Ĉong-Jeongo, la prezidanto de UEA. Li lerte enkondukis la kongresan temon: "Azio kaj la 21a jarcento". Lia argumento estis ke la forto de Azio kreskas pli rapide ol tio de Eŭropo. Azio estos la fokuso de energio en la 21a jarcento, sed pro la historio, Eŭropo kaj Usono ankoraŭ estas politike pli forta. UNO ankoraŭ ne agnoskas ke ĝi havas lingvoproblemon, sed la Eŭropa Parlamento komencas konstati ke tia problemo ekzistas en Eŭropa Unio. La profesoro menciis ke 83 EP-anoj jam subtenas Esperanton, danke al kampanjo kunordigata de Germain Pirlot. Mi sentis min fiera, ĉar, kiel la brita agento en tiu kampanjo, mi estis persvadinta 20 el tiuj 83, dum nur unu jaro, ke ili apogu la enkondukon de Esperanto en lernejojn, kiel helplingvon en la instruado de fremdaj lingvoj.

Prof. d-ro Liuo Ĉong-Jeongo baldaŭ poste invitis komentojn kaj opiniojn, do mi kaptis la okazon raporti pri la kampanjo. Pli longe ol dum la inaŭgura ceremonio mi priskribis la plej bonan strategion por disvastigi Esperanton, laŭ mia sperto. Tio estis tre bone ricevata de la aŭdantaro, kaj la profesoro subtenis min per diagramo pri la eksperimento por pruvi la propedeŭtikan valoron de Esperanto. Post tiu konferenco, mi vizitis tion de respodeculoj de Esperanto-organizoj en Azio, kvankam mi estas eŭropano. La redaktoro de la revuo "Esperanto en Azio" estis tie, kaj kontribuante ion al la diskuto, mi povis diri, ke ĝuste pro tiu revueto, mi decidis iri al Ĉinio por helpi la azian movadon.

La klimato en Ŝanhajo estis tiom varmega kaj humida ke ĉiuj plendis, sed tamen

restis bonhumoraj. Sennombraj homoj traktis min tre afable, kaj korea dommastrino kiu gvidis Esperanto-klasojn hejme, sonbendigis intervjuon kun mi, en kiu mi komparis la anglan kun Esperanto kiel internacian lingvon. La sinjorino diris, ke ŝi intencas uzi la sonbendon por montri ke eĉ anglo ne aprobas la anglan kiel internacian komunikilon.

La 23a mi libere konatiĝis kun novaj geamikoj en la granda enirhalo de la hotelo, Silka Vojo, manĝis malmulte tagmeze, ĉar mi jam manĝis tro, kaj hazarde trovis neprograman demonstradon pri interreto. Kiam mi demandis ĉu mi rajtas sendi mesaĝon hejmen al la komputilo de mia filo, la demonstranta sinjoro volonte provis sendi mian mesaĝon. Homamaso kunveniĝis kaj vidis ĝin per plua ekrano, sed fakte la mesaĝo ne povis esti liverata, ĉar la komputilo estis konektita al nur enhotela telefonlinio! Tamen la sinjoro afable aranĝis, ke mi vizitu lian ĉambron en najbara hotelo, kie lia propra aparato ja estis konektata al internacia telefonlinio, kaj tiel al interreto.

Posttagmeze mi ĉeestis la duan prelegon pri la kongresa temo. S-ro Jamasaki Seiko, de Japanujo, maltrankviligis min, ĉar li estis tre pesimisma pri la estonteco de Esperanto en komerco en Azio. Mi estis veturinta de Anglio ĝuste por kuraĝigi la uzon de Esperanto en komerco, sed li asertis ke la lingvo restu idealo senprofita, kaj ke ni atendu ke la angla restos la ĉefa internacia lingvo. Fininte sian prelegon, li invitis demandojn, do mi tuj demandis kiel multe da homoj povus esti motivigataj por lerni Esperanton, se ili ne povus atendi uzi ĝin por perlabori monon. Li respondis ke ni devas apelacii al la idealismo de la junuloj. Flanke de li sidis prof. Liuo Ĉong-Jeongo, kaj mi diris al s-ro Jamasakio ke la profesoro estis doninta al mi esperon, sed li donis al mi la malon. Li respondis ke tio estas la valoro de diskutado, kaj la profesoro aldonis ke mi atendu la finan prelegon.

Dum posta diskuto kun li, mi menciis ke en Anglio unu el miaj Esperanto-geamikoj, s-ino Elizabeto Stanlio, intencas peti subtenon de la fama danlanda firmao, Lego, kiu fabrikas porinfanajn ludilojn. La profesoro kuraĝigis ke mi aranĝu ke tiu firmao reklamu plenpaĝe en Esperanto-revuo. Pro tio mi telefonis mian edzinon en Anglujo, petante ke ŝi malkovru la adreson de Lego. Ŝi promesis ke mia filo sendos ĝin per interreto al la sinjoro kiun mi estis vizitonta. Post kiam mi, kun multaj aliaj samideanoj, ĝuis brilan spektaklon de akrobataĵoj, en fora teatro vespere, mi frapis la pordon de prof. Siao Peiliango, kiu estis proponinta sendi mesaĝon per interreto. Dum la sekvintaj du horoj, li kaj lia simile sperta kunlaboranto, prof Huo Fenĝi (bedaŭrinde, nur pinĵine mi povas nomi ilin), strebadis sendi mian mesaĝon; sed, malfeliĉe eĉ ili ne sukcesis. Prof. Huo klarigis, ke kvankam interreto estas havebla en Ĉinio, la enlanda telefonsistemo ne estas sufiĉe dependinda por garantii ke mesaĝo per interreto atingos eksterlandon. Ĉinoj estas ege laboremaj, sed eĉ ili ne povas ĝis nun konkursi egale kun la tiel nomitaj progresintaj landoj, rilate al interreto.

La sekvintan tagon, pro antaŭa aranĝo, je la 9a matene mi renkontiĝis kun bela fraŭlino renkontita en lifto. Kompreneble, en ŝia litĉambro, ni diskutis nur la strategion kiun mi estis anoncinta dum la inaŭgura ceremonio! Ŝi estis (pinĵine) Wang Jing Rong, vicĝenerala

sekretario de Tianjona Esperanto-Asocio. Tiu diskuto, kune kun ne nur mi sed kelkaj el ŝiaj asociaj membroj, estis laŭ ŝi tre fruktodona, ĉar ĉiu ĉina asocio devis dependi de si same kiel la Esperanto-Asocio de Britio devis fari ekde 1905. Tamen, kvankam la ĉina registaro ne plu subvencias ian kulturan asocion, ĝi estis decidinta lastatempe ion tre gravan. Ĉe internaciaj konferencoj en Ĉinio la oficiala laborlingvo ne plu estos la angla, sed la ĉina. Mi konkludis, ke ĉar malmulte da eksterlandanoj kapablos lerni la ĉinan, verŝajne post nelonge la oficiala laborlingvo estos ne la ĉina, sed Esperanto. En tiu hotela litĉambro ni ĉiuj konsentis ke tio estos avantaĝo al Ĉinio, ĉar milionoj da ĉinaj infanoj ne povas lerni la anglan, kvankam la registaro elspezas grandegan sumon jare por tia instruado. Tiu, mia gepatra lingvo, estas tro komplika, kaj nur 1 % da ĉinaj infanoj povas regi ĝin, fininte almenaŭ kvinjaran kurson.

Poste mi ĉeestis la 4an kunsidon pri la kongresa temo. Oni diskutis la aziajn edukadon kaj kulturon, rilate la 21an jarcenton. Denove mi prenis okazon por disvastigi la ideon ellaboritan en Eŭropo, kaj denove oni akceptis ĝin kore. Baldaŭ poste mi ĉeestis kunsidon de aŭskultantoj de Ĉina Radio Internacia, dum kiu oni sonbendigis intervjuon kun mi. Survoje al la universitata apartamenta restoracio por tagmanĝi, mi bonŝance sidis flanke de (pinĵine) Wang Yuqin, raportistino por Ĉina Radio Internacia, kaj ŝi diris al mi ke mia intervjuo ja estos dissendata tramonde.

Dum la posttagmezo okazis la 5a diskutado pri la kongresa temo: ĉi-foje pri Azia Esperanto-Movado kaj la 21a jarcento. S-ro (pinĵine) Puramo Ĉongo en sia enkonduka prelego asertis ke la profito-motivo estas necesa por la estonteco de la azia movado. Li estis malkuraĝigita de la interreto, sed poste mi esprimis mian konvinkon ke interreto estas avantaĝo al la movado, ĉar ne ĉiuj sufiĉe bone regis la anglan, por ke interreto povu ebligi kontaktojn en ĉiuj landoj; sed Esperanto jam estas vaste konata, do interreto estas pli uzebla de esperantistoj ol de la angleparolantoj. La sinjoro estis bedaŭrinta ke registaroj ne plu subvencias Esperanton, sed mi klarigis ke firmaoj kiel Lego, povus helpi. Poste s-ino Grossman, francino, konsilis min tre valore, ke ne sufiĉus ke Lego reklamu en Esperanto-revuo. Devas esti bona sistemo por ke tiu kiu respndos al tia reklamo povu ricevi bonan servon de la firmao; alie la valoro de Esperanto estos nuligata. Lego devas esti persvadita ke iuj stabanoj lernu Esperanton, por efike trakti mendojn de esperantistoj aŭ vendistoj, kiujn esperantistoj helpis. Invitite de s-ro Ĉongo, prof. d-ro Liuo Ĉong-Jeongo, la prezidanto de UEA, denove priskribis la laborplanon de UEA, dirante ke la movado devas kontentigi kvar ĝeneralajn grupojn: 1. lingvoamantoj, 2. komercistoj, 3. instruistoj pri lingvoj, 4. subtenantoj de la ideo, kiuj ne parolas Esperanton.

S-ro Ĉongo aldonis ke Azio ankoraŭ ne havas komunan lingvon, krom Esperanto, kaj tial la movado estas en bona pozicio por provizi evidente necesan internacian lingvon.

Anstataŭ la provizatan buson mi poste uzis miajn krurojn por reiri al la apartamento; sed, sen la gvidado de afabla ĉina samideano, s-ro Tango, mi estus tute perdiĝinta ĉar la trafiko estis ĥaosa. Mi fidegis s-ron Tango kaj tiel atingis mian apartamenton sen akcidento.

Tiun vesperon okazis la antaŭlasta evento de la kongreso: Arta Vespero. Parte amatora, parte duonprofesia, parte alte profesia, la enscenigo estis ĝojiga. Mi kredas ke ĝi devus esti por mi eŭropano eĉ pli ĝuebla ol por azianoj, ĉar unuafoje mi vidis tiom da orientaĵoj, kiujn mi neniam estis vidinta aŭ aŭdinta. Ekzemple, la prezentantino, bela japana kongresanino, komencis la aferon majeste, alproksimiĝante malrapidege mikrofonon, akompanate de belsona, orienta muziko. Ŝi estis vestita en flora, kolorplena, folklora kostumo, kaj digne prezentis la diversajn programerojn, ĉiun post la alia. *(red. Ŝi ne estas japanino sed koreino, kiu surhavis korean nacian kostumon.)*

Ili variis; estis dancgrupoj de belegaj junulinoj; esperantista familio kantanta "La Iamo Longe For"; profesia, belega sopranulino; ŝercemaj kongresanoj; duonprofesia kongresana tenorulo, kantanta laŭ modernega muziko; trupo da vjetnamaj tamburistinoj, *(red. koreaj getamburantoj)* rekoneblaj kiel kongresanoj - kvanakm ili portis kolorigitajn folklorajn kostumojn; individuo kiu ludis sola orientan fluton; paro da kongresanoj kiuj vestitaj en nigraj roboj, malrapidege dancis graciege; skipo da gejapanoj, kiuj prezentis tradician dancon, dum kiu ili ritme moviĝis de la scenejo, ĉirkaŭiris la aŭdantaron, kaj reiris al la scenejo. Ĉiu programero estis unue prezentata de la japana *(red. korea)* kongresanino, kies belega kostumo estis superigata nur de ŝia perfekta Esperanto. Estis amuza dialogo inter tri kongresanoj pri preseraroj, ekzemple "Oni donis al magazeno raporton pri rifuzintoj" - anstataŭ "magazino" kaj "rifuĝintoj". Mi ne povas memori ĉion kio okazis, ĉar mi tiom ĝuis ĉion ke mi ne povis skribi notojn; sed mi certas ke mi neniam forgesos la Artan Vesperon de la Unua Azia Esperanto-Kongreso.

Matene de la lasta tago okazis la solena fermo. Tio estis esperiga evento, ĉar oni informis ke fakte estas 580 kongresanoj. Ĉiuj konsentis ke la kongreso tre bone sukcesis, kaj post resumo de ĉio okazinta, la kongresanoj kore aplaŭdis la Lokan Kongresan Komitaton. S-ro Paŭlo DESAJLIO, en la nomo de Aŭstralia Esperanto-Asocio, invitis ĉiujn al la 82a UK en Adelajdo; kaj s-ro TAKEUTI Josikazuo, prezidanto de la Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado, ceremonie anoncis la komisionan decidon pri la lando, en kiu okazos la 2a AEK. Ĝi okazos en Vjetnamio en 1999. Tio estis bona decido, ne nur ĉar la vjetnama delegito estis sidinta flanke de mi ofte en la oficiala aŭtobuso kaj tiel iĝis amikino, sed ankaŭ ĉar ŝia lando estas egale atingebla de ĉiuj en Azio. La tradicia Esperanto-flago estis transdonita de ŝi, kaj baldaŭ poste la Unua AEK estis oficiale fermita.

Mia koro tamen estis malfermita al Ĉinio de kiam mi alvenis en Guilinon. Ĉiam mi estis traktita afable. Neniam iu ajn minacis aŭ ofendis min. Eĉ rabisto malsukcesis forpreni mian monujon. Li provis, en Guilino, malfermi mian sakon dum mi estis enironta aŭtobuson, sekvante s-inon Kaio, mia studentino. Bonŝance mi aŭdis la sonon de zipo kaj sentis etan premon. Ekrigardante mian zipon mi vidis ke lia mano estis enironta mian sakon. Mi tuj ektenis lian antaŭbrakon firme, kaj rigardis lin. Li estis alta, maldika kaj

bone vestita. Li tuj liberigis sin, turnis sin, kaj kriante, en la angla; "Kion vi faras?", rapide forkukris. Li svingis malgrandan banknoton, kiu bonŝance ne estis mia. En la angla li kriis, "Mi havas monon!" Tiel li pretekstis ke li estis honestulo, butikumanta. Mia Guilina amikino, kiam mi baldaŭ poste staris flanke de ŝi en la aŭtobuso, hontis pri tiu fiulo; sed, kiel mi diris al ŝi, oni atendu tian aferon en ia urbego, kaj estis mia devo vigle prizorgi miajn posedaĵojn. Mi ne povas memori ian alian malplaĉetaĵon, sed certe mi ĉiam memoros ke mi ricevis almenaŭ milon da afablaĵoj. Ne nur tiuj personoj jam menciitaj, sed multaj aliaj, certe dum la tiama kongreso, prezentis sin al mi kaj eĉ donacis al mi memorigilojn. Mi havas amason da adreskartoj, kaj ne malmulte da trezoretoj.

Nun mi estas denove en Honkonga Flughaveno (la vorto "Fictions" estas ankoraŭ videbla!), kaj mia Esperanta aventuro en Ĉinio estas finita. Nun mi iros al Aŭstralio, kie en la suburboj de Melburno, aŭspicie de Monaŝo-Universitato, samideanino Ĝenifero BIŜOPO estras Esperanto-projekton en kelkaj unuagradaj lernejoj. Mi esperas helpi ŝin, kaj certe mi lernos multon kiel enkonduki Esperanton en la lokon, kie ĝi devas kreski; la lernejoj de la mondo.

*David Curtis/ 7 St. Jude's Terrace, Weston-super-Mare, Somerset, BS22 8HB, Britujo*

# 6. Informo

Korea Esperanto-Asocio translokiĝis

En la 3a de majo la Centra Oficejo de Korea Esperanto-Asocio translokiĝis al la bona loko, kiu multe kontribuos por pliviligli la Esperanto-movadon en Koreio.

*Nova adreso: KangByeonHanShinCore B/D No. 1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, Seoul, Koreio, 121-703*

*tel.: +82-2-717-6974 fakso: +82-2-717-6975 Reto: keast@soback.kornet.nm.kr*

# 7. Okazos

## 7.1 Akademia Konferenco "Esperanto kaj 21a jarcento"

dato: 1997-07-08~16

kotizo: 1050$, inkluzive de manĝado, loĝado kaj ekskurso.

enhavo: esplorado pri ĉina kulturo, pri popola vivo, pri Esperanto-movado, vojaĝoj al Pekino kaj aliaj vidindaj lokoj.

organizas: Jilin Esperanto-Asocio/ ĉe HU Wei-tai, 301 Chongzhi hutong Fu 36, Changchun CN-130061, Ĉinio

### 7.2 *La 84a Japana Esperanto-Kongreso*

dato: 1997-08-08, -09, -10

loko: en la urbeto Ikeda, en la gubernio Tokuŝima

temo: "Esperanto- pacperanto el niaj urbetoj"

detalojn petu de: Japana Esperanto-Instituto

JP-162 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

tel.: +81-3-3203-4581 fakso: +81-3-3203-4582

### 7.3 *La 16a Komuna Seminario de Esperanto-Junuloj*

dato: 1997-08-15~17

loko: en la urbo Yong-in en Koreio

temo: "Esperanto en la 21a jarcento"

detalojn petu de: Korea Esperanto-Junularo

KangByeonHanShinCore B/D No.1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, Seoul, 121-703 Koreio. tel.: +82-2-717-6974. fakso: +82-2-717-6975

## 8. *aldona raporto pri la Azia Kongreso*

"Papero kaj Kapsiko" (08-24, 08:30-10:00)

Ĉeestis 33 personoj: 14 japanoj, 5 koreoj, 11 ĉinoj, 1 iranano, 1 el Francio, kaj 1 el Aŭstralio

La temo de la kunsido estas rilathistorio inter Ĉinio, Koreio, Japanio k.a. Tamen, ĉar en la kongreslibro, la kunsido prezentiĝis simple kun la titolo, "Papero kaj Kapsiko", la zorganto de la kunsido petis de la organizantoj de la kongreso aparte afiŝi atentigon pri la kunsido, kio estis plenumita.

La zorgantoj de la kunsido preparis materialojn por la kunsido, kiujn ĉiuj ĉeestantoj po unu ricevis. Sed bedaŭrinde al kelkaj mankis. Pli multaj ol nia supozo alvenis kaj en la ĉambro eĉ kelkaj devis stari.

Nisio prezidis la kunsidon kaj unue klarigis la sencon de la kunsido, la celon, historieton de la grupo. Tiam, li menciis, ke la senco de la kunveno ankaŭ koincidas kun la kongresa temo, "Azio kaj la 21a jarcento", kiel pri la temo, CHEN Yuan, kiu estas honora prezidanto de la Honora Komitato, salutparolis: "Necesas lerni historion por la bona estonteco". Li ankaŭ montris raporton sur lastatempa ĵurnalo en Japanio de tri-landa enketo pri sentoj de ĝenerala publiko, kiu diras, ke rilate al la agreso al Koreio kaj Ĉinio fare de Japanio, 90% el respondintoj en Koreio kaj 77 % en Ĉinio, pensas, ke japanoj ne sinkritikas. Nu, ankaŭ tiurilate la kunsido havas sencon.

Sekvis raportoj de la lasta simpozio pri la rilathistorio en Seulo, fare de la

partoprenintoj. CHOI Yun-huy kaj KIM Uson esprimis siajn impresojn el korea flanko. MACUDA Hisako, YAMAMOTO Sintaro kaj TAHIRA Masako montris siajn sentojn el japana flanko. Entute la simpozio estis unika praktiko en tiu kampo kaj elmontro de baza funkcio de Esperanto kiel interpopola diskut-lingvo.

Poste ĉiuj ĉeestantoj sin prezentis kaj montris sian opinion pri la afero. Multaj aktive subtenis la agadon. Interalie, grava estas opinio, ke historio estas du-speca: unu estas de la registaroj kaj la alia estas de la popoloj. Nia agado kompreneble koncernas al la dua, historio de la popoloj.

Rikolto estas, ke ankaŭ el Ĉinio sin anoncis pluraj aktivaj volontuloj pri la agado. Nu, poste nia agado fariĝos vere inter la tri landoj, Ĉinio, Koreio kaj Japanio.

*NISIO Tutomu/ Oosaka-si Asahi-ku Takadono 4-13-3, JP-535 Japanio. tel." +81-6-955-5728*

# 9 *Kontribuoj*

Post la raporto en n-ro 26, jenaj 49 personoj kontribuis por la azia movado sume 141,680 enojn.

AIDA Jajoi, Maria P. ALMADA, AMANO Jack, Joel BROZOVSKY, Esperanto-Biblioteko en Katalunio, Esperanto-Denŝuuŝo Sue, HAJAKAŬa Joŝinori, HAJAŜI Kanejuki, HOŜIDA Acusi, HUKUMOTO Hirocugu, HUZIMAKI Ken'iĉi, IŜINO Masajo, IŬAI Masahisa, IZUMI Jorimiĉi, JAMAMOTO Ŝintaroo, JAMASAKI Joŝihumi, YAMASAKI Seikô, JAZAKI Jooko, KAI Kooiĉi, KAKEHI Kunimaro, KAŬAI Takaŝi, KAZAWA Kinuko, KIMURA Eiji, KITAGAWA Syôzi, KOBAJAŜI Kajoko, MAEDA Jonemi, MICU Eiko, Hylco MIEDEMA, MIZUNO Joŝiaki, NAKACU Masanori, NAKAMITI Tamihiro, NISIO Tutomu, NOMURA Tadacuna, OOHARA Takaŝi, OONIŜI Ŝin'iĉi, OOZATO Joŝizumi, SAITOU Tomoko, SANPEI Keiko, SASANUMA Kazuhiro, SAŬAJA Juuiĉi, SUZUKI Takao, TADAIŜI Ĉizuko, TAI Hisajuki, TAKAHAŜI Nacuko, TAKUBO Hideo, TAKUMA Kenji, TANI Hirojuki, TANIGUĈI Teruo, TOJODA Motoki, UENO Kacuhiro, UNOKI Takanori

**Vian kontribuon al Projektoj por Azia Movado ni elkore atendas.**

***Parolas la redaktantoj:*** Jam pasis preskaŭ duono de la jaro. Ni pardonpetas pro ĉiama malfruiĝo de la eldono. Se vi volas aliĝi al UEA, sendu leteron ne al la redaktantoj, sed al KAEM ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI). Se vi povas helpi al Azia Movado, sendu ankaŭ al JEI monon (minimume 2,000 enojn) aŭ internaciajn respondkuponojn (minimume 15). *(1997-06-10 DOJ Ĉ.kaj H.)*